23a Jaro - No 8-9 (246-247) Jara Kotiz-Abono Fr. 35,— Aŭgusto-Septembro 1937a

BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908a

DIREKTORO:
Maur. JAUMOTTE
41, Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

Oficiala Organo de
Reĝa Belga Ligo Esperantista

Societo sen profita celo. --- Belga Ŝtatgazeto 27.6.36

LIBERTEMPA BABILADO.

# De unu Kongreso al alia

Je la momento, kiam mi komencas kaj skribas tiun ĉi artikolon, mi ĝuas, ĉe la marbordo, agrablan, nelacigan libertempon, en amika domo, en kiu mi renkontis multajn Esperantistojn, venintajn el Antverpeno, Bruselo, Namur, Nieuwpoort kaj ankaŭ el proksimaj landoj Anglujo kaj Francujo.

Kune kun ili, mi sentas min, tie ĉi, en vera Esperanta atmosfero kaj, vole nevole, mi pensas pri tiu granda okazantaĵo esperantista, kiu ĵus malfermiĝis en Varsovio kaj kie kunvenis gesamideanoj, ne nur venintaj el kelkaj apudaj urboj aŭ el kelkaj najbaraj landoj, sed el ĉiuj partoj de la mondo.

Kiam tiu ĉi artikolo kuŝos antaŭ viaj okuloj, la 29a Universala Kongreso jam estos, Kara Leganto, okazinta.

La tempo, kiu estos forpasinta, de la momento de ĝia fermiĝo, ĝis tiu de la apero de nia revuo tamen ne estos sufiĉa, por ke ni povu, en tiu ĉi numero, jam detale priparoli tion, kio estis la granda evento de la jaro, la solena festado de la ora jubileo de nia Lingvo.

Sed tion ni faros en proksima numero. Oktobro cetere pli bone konvenas por la legado de memorskriboj pri belaj sunaj libertagoj.

Sed memorante pri « La Reĝo mortis! Vivu la Reĝo » ni nepre volas, jam de nun, atentigi niajn legantojn pri nia estonta Universala Kongreso, kiel, antaŭ kelka tempo, ni tuj post la fermo de la Kongreso en Antverpeno, jam alvokis por tiu en Charleroi.

Ni volas tion fari des pli urĝe, ĉar, se ĉiuj Universalaj Kongresoj estas same karaj al ni, ĉu ili okazas en apuda aŭ en fora terparto, Kongreso tamen havas des pli da intereso por nia legantaro, ju pli alirebla ĝi estas por pli granda nombro de niaj membroj.

Kaj, je tiu vidpunkto, la Kongreso de Varsovio estis tiel malproksima de nia landeto, ke, jam antaŭe, ni povis antaŭvidi, ke la partopreno de la Belgoj estus nur tre malgranda.

Kaj ni eĉ povas diri, ke tiuj unuopaj Esperantistoj, kiuj tien veturis, ne bezonis la konsilon kaj la klarigojn de nia nacia organo, ĉar jam de longe fiksiĝis, verŝajne, en ili, la ideo viziti la landon de nia Majstro kaj ĉeesti la memorigajn solenaĵojn en lia naskiĝlando

Sed la Kongreso de proksima jaro, okazos en lando tiel proksima, en urbego tiel interesa por ni Belgoj, ke ni ne dubas, ke se oni, en la diversaj grupoj, jam de nun, preparas la komunan iradon al ĝi, estos vera karavaneto, kiu vizitos Londonon, de la 30a de Julio ĝis la 6a de Aŭgusto 1938.

Estas tial, por ke la grupoj jam de nun, disponu pri la necesaj informoj, ke ni en tiu ĉi libertempa numero, enpresas ne nur la unuan cirkuleron, kiun jam eldonis la tiea L.K.K., sed ankaŭ artikolon pri Londono, kiuj ĉiuj certe, dum tiuj someraj tagoj, volonte legos.

Tiel, la leganto povos ekvidi ke la Kongreskomitato, jam de nun, eklaboris por agrabligi kaj faciligi la restadon de la kongresanoj en Anglujo, kaj, samtempe, jam iom ekkoni la belaĵojn kaj interesaĵojn, kiujn ili havos la okazon viziti kaj admiri dum tiuj kongresaj tagoj.

Persone, ni volas aldoni, ke se Anglujo estas lando, kie, proporcie, estas certe same multaj Esperantistoj, kiel en aliaj landoj, ĝi tamen estas ankaŭ la lando, pri kiu la plej multaj opinias, ke ĝi neniam akceptos Esperanton, ĉar, laŭdire, la Angloj tro multe fidas pri la disvastiĝo de sia propra gepatra lingvo.

Se la Kongreso de tiu ĉi jaro estis do festa Kongreso, por kiu, ĉiu estis esperinta ke pli multe ol nur unu milo de samideanoj renkontiĝus, la Kongreso de la proksima jaro estos precipe grandega propaganda festo.

Kaj tiu propagando estos duobla: ĝi iros al la angla popolo mem, kiu devas vidi, ke la Esperantomovado ja estas io vere impona; al la aliaj landoj ankaŭ, kiuj, pro tiu festo kaj pro ĉio, kio ĉirkaŭos ĝin, ekvidos ke la angloj ne estas kontraŭaj al la ideo de internacia lingvo, kiu ne estus la angla mem!

Unu el la taskoj, kiuj atendas, je la malfermo de la vintra periodo, estos, en la diversaj grupoj, la preparo de multnombra ĉeesto de nia Universala Kongreso 1938.

Al ĝi, ni invitas ĉiujn niajn amikojn, des pli facilanime, ĉar ni opinias, ke la antaŭspeguligo de tiu granda mondfesto, estas plej bona rimedo por propagandi nian lingvon mem.

M. JAUMOTTE.

# Reĝa Belga Ligo Esperantista

BRUĜA GRUPO ESPERANTISTA,
REĜA SOCIETO.

## Tridekkvinjara Jubileo 1902-1937

La plej malnova grupo de Belgujo festos **Dimanĉon, 3-an de Oktobro,** la 35-jaran datrevenon de sia fondiĝo.

Je tiu okazo, ĝi organizas por tiu dato tutesperantan tagon, kiu ŝajnos malgranda kongreso kaj certe estos por multaj samideanoj tre konvena okazo de agrabla revido aŭ interkonatiĝo.

**Jen la ĝenerala programo:**

je la 9-a: Meso, kun prediko en Esperanto de S-ro Pastro J. De Maeyer, el Nivelles, en la Baziliko de la Sankta Sango, Burgoplaco;

je la 10-a: Oficiala akcepto en la urbdomo;

je la 11-a: Fotografado sur la ŝtuparego de la Provinca Palaco, Granda Placo.

je la 11 a 30: Solena Jubilea Kunsido, en la Salonego « Brangwyn » ĉe S-ano V. Jéhansart, placo Simon Stevin, (Kunvenejo de la Grupo).

je la 13-a: Festeno en Hotelo « Gouden Hoorn — Cornet d'Or », Sidejo de la grupo, placo Simon Stevin;

je la 16-a: Balonetkonkurso (en la hotela ĝardeno);

je la 18-a: Teatra festo sekvota de granda balo en « Muntpaleis — Palais de la Monnaie ».

La festkomitato per la jena invitas ĉiujn samideanojn, kaj precipe ĉiujn amikojn de la Bruĝa Grupo, — kaj ili estas multnombraj en- kaj eksterlande —, por ke ili honorigu la jubileajn festojn per sia ŝatata ĉeesto.

La aliĝo kostas nur 5 fr. kaj rajtigas al ĉeestado de ĉiuj programeroj, inkluzive de la teatra festo kaj de la balo. La prezo de la festeno, — kun menuo el la plej bonaj —, estas fiksita je 30 fr. trinkmono enkalkulita.

La festkomitato do esperas fari el tiuj jubileaj festoj specon de malgranda aŭtuna kongreso, okaze de kiu, ĝi eĉ kalkulas je la ĉeesto de multaj samideanoj, kiuj, pro iu aŭ alia kialo, ne povas ĉeesti la kutiman pentekostan kongreson de nia Belga Ligo.

La aliĝoj povas DE NUN plej praktike esti sendataj per pago aŭ ĝiro al la poŝtĉekkonto N-ro 2340.04 de « Bruĝa Grupo Esperantista » kun enskribo, dorsflanke de la pagilo, de la nomo(j), antaŭnomo(j) kaj adreso(j) de la aliĝanto(j) kaj la mencio: « 35-a Jubileo ».

Al aliĝontoj, kiuj dezirus tranokti en Bruĝo, ni varme rekomendas la hotelojn, kiuj anoncas en « Belga Esperantisto ».

Esperantaj geamikoj, aliĝu do TUJ... ĉar kiam aperos la sekvonta numero de B.E. estos jam tro malfrue, precipe por aliĝo al la festeno... kaj vi certe bedaŭrus!

Kara legant(in)o, ĝis la revido!... ĉar ni revidos vin, ĉu ne? kun multaj aliaj,

**EN BRUĜO, la 3-an de Oktobro ! !**

La Festkomitato.

## Bona Sukceso

Kun ĝojo ni rimarkis ke la « Annuaire Administratif et Judiciaire de la Belgique et de la Capitale du Royaume », bone konata adreslibro, eldonita de « Etablissements Bruylant, 67, Rue de la Régence, Bruselo », kaj kiu entenas 1500 paĝojn, montras sur paĝo 833, informojn pri Reĝa Belga Ligo Esperantista, kun indiko de la administrantaro kaj mencio pri nia revuo.

Ni gratulas nian Ligan prezidanton kaj la bruselajn amikojn kiuj sukcesis akiri tiun mencion, kiu, vole-nevole, troviĝos antaŭ la okuloj de la multaj uzantoj de tiu libro, kiuj tiel ekscios pri nia movado.

# La 30-a Universala Kongreso

**LONDONO, 30an de Julio - 6an de Aŭgusto**

### Unua Informilo.

**Organiza Komitato.**

Sekretario: C. C. Goldsmith (Sekr. de IEL). Help-sekretarioj: E. W. Amos kaj F-ino E. C. Goldsmith. Membroj: F-ino R. A. Davey (Prezidanto de la Londona Esperanto-Federacio), W. A. Gething (Konsilanto de BEA), H. W. Holmes (Prezidanto de la Londona Esperanto-klubo), B. E. Long (Honora Sekretario de BEA, Komitatano de IEL), A. C. Oliver (Komitatano de IEL, Konsilanto de BEA), F. E. Wadham (Redaktoro de « The British Esperantist»), S-ino E. Warren (Sekr. de la Londona Esperanto-Federacio), R. B. Wilkinson (Sekr. de BEA).

**Adreso por leteroj.**

Sekretario, 30a Universala Kongreso de Esperanto, Heronsgate, Rickmansworth (Herts.), Anglujo.

**Kongresejo.**

University College, Universitato de Londono.

**Kotizoj.**

Ĝis 31.12.37 £ 1; ĝis 31.3.38 £ 1-5-0; post la 31.3.38 £ 1-10-0. La edzo aŭ edzino de kongresano, kaj gejunuloj ne pli ol 20-jaraj, pagas la duonon de ĉi tiuj sumoj. Estas oportune sendi kotizojn en registrita letero per britaj ŝtataj monbiletoj, haveblaj ĉe bankoj kaj monŝanĝejoj en multaj urboj. Se oni sendas pagojn per poŝtmandatoj, oni ĉiam sendu samtempe informon pri la nomo kaj adreso de la sendinto kaj la celo de la pago, ĉar la brita poŝtadministracio ne skribas mesaĝojn sur poŝtmandatoj. La poŝtĉekkonta sistemo ne ekzistas en Britujo.

**Blinduloj.**

Blinduloj kaj ties gvidantoj ricevos kongreskartojn senpage, sed iliaj aliĝoj devas esti aprobitaj de S-ro W. P. Merrick (kasisto de la blindula ligo), Penso, Shepperton, Middlesex, Anglujo.

**Aliĝiloj.**

Nun haveblaj ĉe la kongres-oficejo, baldaŭ haveblaj ĉe la ĉefaj gazetoj kaj Landaj Asocioj.

**Donacoj.**

La Organiza Komitato volonte ricevos donacojn por helpi al la plena sukceso de la Kongreso.

**Blindula Kaso.**

La Organiza Komitato volonte ricevos donacojn por ebligi, ke blinduloj partoprenu la Kongreson.

**Glumarkoj.**

Oni nun presas belajn kongresajn glumarkojn, kaj ili estos pretaj kiam ĉi tiu informilo aperos. Prezo por kvindek: 5 pencoj aŭ 2 internaciaj respondkuponoj.

**Loĝado.**

Kiel eble plej baldaŭ oni dissendos loĝmendilojn. Intertempe, povas esti, ke la jena informo utilos:

Hoteloj: lito kun matenmanĝo, po 5 ĝis 14 ŝilingoj ĉiutage.

Privataj domoj: lito kun matenmanĝo, po 4 ĝis 7 1/2 ŝilingoj ĉiutage. (Alilanduloj notu, ke la angla matenmanĝo estas sufiĉe ampleksa.)

Oni ankaŭ esperas aranĝi pli malkarajn loĝejojn.

La Organiza Komitato ne garantios loĝejon al iu ajn kongresano kies aliĝilon ĝi ne estos ricevinta antaŭ la 1a de Julio.

**Manĝoj.**

La ordinara prezo por lunĉo en restoracio estas 1 ĝis 3 1/2 ŝilingoj. La tagmanĝo kostas naŭ pencojn ĝis du ŝilingojn. La vespermanĝo 1 1/2 ĝis 5 ŝilingojn.

**Fakaj kunvenoj.**

Organizontoj bonvolu anonci frue siajn dezirojn.

**Oficiala organo.**

Ĉiu kongresano ricevos la gazeton « The British Esperantist » de januaro ĝis julio, kaj poste la numeron kiu enhavos la raporton pri la Kongreso. Se kongresano jam abonas la gazeton, oni esperas, ke li ne ĉesigos la abonon, sed fordonos la duan ekzempleron por propagandaj celoj.

# LONDONO, URBO DE LA 30-a

« Kiam oni enuas pri Londono, oni enuas pri la vivo », diris la fama D-ro Samuel Johnson, angla Salamono de la XVIIIa jarcento. Tio estas vera ankoraŭ nun. Koncepti Londonon nur kiel la plej grandan urbon de la mondo, jen granda eraro; grava estas, ne la ampleikso, sed la universaleco. Ne estas unu urbo Londono, sed multaj. Sufiĉe esplorinte unu el ili, vi povas transiri al alia.

Ĉu vi vidis la Abatejon de Westminster, la parkojn Hyde kaj St. James's, la Turon de Londono, la Britan Muzeon, La Nacian Bildmuzeon, la mondfamajn magazenkvartalojn—Piccadilly, Bond-Straton kaj Regent-Straton — la teatrojn kaj kinojn dense kunstarantajn? Ĉu vi vizitis tiujn dokojn, dank' al kiuj Londono estas la ĉefa haveno de Anglujo, aŭ paŝis el la muĝado de Fleet-Strato en la pacajn kortojn de la « Templo »? Bone! sed vi tamen vidis nur unu malgrandan faceton de Londono, kaj vi komencas kompreni, ke, kiom ajn konfuza kaj senforma ĝi estas, ĝi povas distri kaj ravi vin dum tuta vivo.

La Parlamentejo, antaŭe reĝa palaco, estas rekonstruita inter 1840 kaj 1850 post incendio, kiu detruis ĉion krom la kripto de la preĝejo de S-ta Stefano kaj la grandioza Westminster Hall. Senpaga eniro sabate. Alitage, kiam kunsidas la deputitoj, kelkaj sidlokoj estas rezervataj por vizitantoj en la publika galerio, laŭ antaŭmendo ĉe la Admission Order Office. Westminster Hall, unue konstruita en 1097, posedas grandiozan volbon el kverka ligno. Ĝis 1882 ĝi estis la sidejo de la plej alta tribunalo, kaj tie oni kondamnis al morto la reĝon Karolon I. Senpaga eniro de la 10a ĝis la 14a horo (ĝis la 16a, kiam la parlamento ne kunsidas; fermita dimanĉe).

Londono fieras pri siaj reĝaj parkoj. Certe aliaj ĉefurboj havas parkojn, sed neniu havas ilin tiel tute en sia mezo; neniu, kies arboj estas tiel grandiozaj, kaj kies floroj tiel gajaj, kiel tiuj de Kensington Gardens kaj la parkoj Hyde, Green, St. James's kaj Regent's. Hyde Park kaj Kensington Gardens kune havas cirkonferencon de pli ol ok kilometroj. Tie troviĝas la fama ĉevalvojo Rotten Row, kie jademuloj ekzercas sin, la lago Serpentine kun sia Lido, la « long border »: grandega florbedo, kie triumfas la angla ĝardenarto. Krom tio oni trovas senliman provizon da



**Bela bildo pri la « Foreign Office », la Ministerio por eksterlandaj aferoj, kiu ludis iam tiom gravan rolon en la historio de la mondpolitiko**

komfortaj seĝoj, sur kiuj, kontraŭ du modestaj pencoj, oni povas pasigi la tagon en la freŝa, verda ombro, aŭskultante, dimanĉe, militistan orkestron. — N..B.: Ne forĵetu vian bileton; ĝi valoras tutan tagon por ĉiuj reĝaj parkoj.

La Palaco de Buckingham, metropola loĝejo de la reĝo, staras apud la parko St. James's. Konstruita de la Duko de Buckingham en 1703, kaj aĉetita de la reĝo Georgo III en 1762, ĝi estiĝis reĝa loĝejo nur dum la tempo de la reĝino Victoria. Kiam la reĝo tie troviĝas, do, kiam la reĝa standardo flirtas supre la palaco, oni ŝanĝas la gvardion ĉiumatene je la 10.30, kun akompano de muziko. Tiu pitoreska ceremonio en la antaŭkorto de la palaco ĉiam altiras, kiel spektaklo, la vizitantojn el provinco kaj eksterlando. Kiam la kortego estas ekster Londono, la ŝanĝo de la gvardio okazas ĉe la Palaco de St. James.

La Turo de Londono estas nek mirindaĵo, kiel la Eiffel-Turo, nek kuriozaĵo, kiel la klinita Turo de Pisa. Ĝi estas severa fortikaĵo konstruita de Vilhelmo I (la Konkerinto normanda) antaŭ preskaŭ 900 jaroj por timigi la civitanojn. Dum longa tempo ĝi servis kiel ŝtata malliberejo, kaj en ĝi multaj personoj famaj en historio renkontis malliberon, torturon kaj eĉ morton. En la turo Wakefield (la Turo de Londono vere estas grupo de turoj) la vizitanto povas admiri la reĝajn juvelojn. La gvardianoj en sia pitoreska uniformo de la XVa jarcento kompletigas la historiecan aspekton de la loko. Eniro ĉiutage (krom dimanĉo) kontraŭ malgranda pago.

En Anglujo la historio ne estas tute enkadrigita en brikoj, mortero kaj muzeoj. En Londono ĝi vivas, kiel en neniu alia urbo de la mondo. Ekzemple, se vi donos al vi la penon, vi trovos, portataj kiel uniformoj, ne kiel balmaskumoj, vestomodojn de ĉiuj epokoj, de la XVa jarcento ĝis la nuna tago. Al tiu frua jarcento apartenas la roboj de la Lord Chancellor (prezidanto de la Ĉambro de Nobeloj kaj plej supera juĝisto), kaj la uniformoj de la gvardio de la Turo de Londono. La orkestro de la reĝa gvardio (« Life Guards ») portas la uniformon de la epoko de la Stuart-dinastio. La kleraj juĝistoj en la kortumoj portas perukojn kaj robojn, kiuj datumas de la XVIIa jarcento.

El la diversaj « Londonoj » necesas aparte distingi la « City », nome la malgranda sed densa regiono, kiu okupas proksimume la saman terenon kiel la antikva Londinium fondita de la Romanoj, de kies murego oni sukcesis konservi fragmenton. Administre apar-

ta urbo, ĝi ĝuas unikajn privilegiojn, kies origino estas tre antikva. Ankoraŭ hodiaŭ la reĝo formale haltas ĉe ĝia limo, antaŭ ol eniri, por ricevi ŝlosilon, kiu reprezentas la permeson de la magistrato. La malnova Londono, tio estas, la Londono de Samuel Pepys, D-ro Johnson kaj Charles Dickens, troviĝas en aŭ apud tiu kvartalaro, kiun oni plej bone vizitas sabate posttagmeze aŭ dimanĉe, kiam la bankoj kaj komercejoj estas fermitaj. Antaŭ ĉio ne manku viziti la Guildhall (urbodomo) — kie, cetere, D-ro Zamenhof en 1907 faris sian faman paroladon pri patriotismo — por vidi la konstantan ekspozicion de la trezoroj kolektitaj en la City.

La Katedralon de S-ta Paŭlo oni foje nomis « la paroĥa preĝejo de la Brita Imperio ». La grandega incendio de Londono en 1666 detruis la unuan katedralon, kaj sur ĝia loko Sir Christopher Wren, plej genia arkitekto de Anglujo, konstruis la vastan katedralon, kies kupolo ŝajnas superregi la tutan urbon.

Ekster la limoj de Londono mem abundas vizitindaj lokoj. Inter cent aliaj, oni devas viziti la palacon de Hampton Court. La kardinalo Wolsey konstruis ĝin por propra uzado, sed ĝi plaĉis al lia reĝa mastro Henriko VIII (tiu de la ses — sinsekvaj — edzinoj), kaj danĝere estus, ĉe li, malrespekti la « hispanan etiketon »! Cent kvindek jarojn poste, Vilhelmo III dungis Sir Christopher Wren por pligrandigi ĝin. Jam de longe ne uzata kiel reĝa loĝejo, ĝi prezentas por via plezuro siajn formalajn ĝardenojn, siajn longajn florbedojn laŭ la angla modo, sian labirinton, kaj sian faman kolekton de pentraĵoj.

Sude troviĝas plej bonaj specimenoj de la « Londona Kamparo »: la verdaj deklivoj de Box Hill kaj la eriko kaj pinoj de Leith Hill (300 m.) kaj Hindhead. Okcidente la rivero Tamizo kondukas tra ĉarmaj pejzaĝoj, kaj sur ĝiaj bordoj staras la famaj urboj Richmond, Windsor, Maidenhead kaj Henley.

Jam dum pli ol 850 jaroj, la kastelo de Windsor, 32 kilometrojn for de Londono, estas la ĉefa loĝejo de la reĝoj de Anglujo. Vilhelmo la Konkerinto komencis ĝian konstruadon, sed sian nunan aspekton ĝi fine akiris nur sub la reĝino Victoria. Ĉar la kastelo estas ankoraŭ nuntempe reĝa loĝejo, publike vizitebla, ĝi dependas de la moviĝoj de la kortego.

Ne malproksime de Windsor, apud Egham, estas Runnymede, bela, verda herbejo apud la Tamizo, kie antaŭ 700 jaroj la Baronoj de Anglujo devigis la reĝon Johanon (la « Senterulon ») subskribi la Grandan Ĉarton.

Norde kaj nor-okcidente la Londona kamparo prezentas aliajn interesajn lokojn: Stoke Poges, kie la poeto Gray loĝis kaj verkis sian faman Elegion, kaj kie lia tombo allogas usonajn pilgrimantojn: Chalfont St. Giles kun la dometo de Johano Milton. La unua Kristana martiro de Anglujo estis Alban, soldato de la romana legio en la garnizono de Verulamium, kiu donis sian nomon al la urbo, nun nomata St. Albans. La katedralo estas unu el la plej malnovaj preĝejoj en Anglujo, kaj ĝia gotika nefo estas la plej longa en la mondo. La romana teatro, lastatempe malkovrita, estas konstruita en la jaro 200, kaj donis sidlokon por 16.000 personoj.



**Generala vidaĵo sur « Piccadilly Circus », trafikplena parto de Londono.**

# La Feliĉo de tiu ĉi Mondo

## SONETO

Posedi puran domon, facilan kaj kun belo,
Ĝardenon kun ornamo, odora spalirar';
Kviete ĉe edzino, kun eta infanar',
Nur vivi inter fruktoj kaj vino en barelo.

Nek ŝuldojn nek ameton, proceson post kverelo,
Komenci, nek partigon ĉe iu parencar',
Aranĝi sian vivon laŭ ĝusta regular',
Postuli nur malmulte, nenion ĉe Nobelo

Vivadi nekaŝeme kaj sen gloravidec',
Dediĉi sin fervore, konscie al piec',
Konservi la taŭgecon de cerbo, juĝopovo.

Altrudi al pasioj obeon eĉ per fort',
Trapreĝi l' rozarion dum greftkultura provo,
Ja estas hejma, milda, atendo de la mort'.

Soneto de K. PLANTIN.
Tradukis Jules Alofs.
26-5-1937.

**Korekto de eraro.**

Pri la listo de jubileantoj, kiu aperis en la antaŭa numero, ni ekvidis ke estis konfuzo inter la nomoj de niaj bonaj samideanoj Deman kaj Soyeur.

S-ro Deman cetere mem informis nin ke li ne estas membro de 25 jaroj.

Jen korekto farita.



**BELGA KONGRESLOKO 1938**
**CHARLEROI**

# BELGA KRONIKO

## GRUPA KALENDARO :

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20.30-a h. (atentu la horŝanĝon).

Sabaton, la 21-an de Aŭgusto: intima kunsido.

Sabaton, la 28-an: intima kunsido.

Sabaton ,la 4-an de Septembro: mitulvespermanĝo.

Sabaton, la 11-an: parolado.

Sabaton, la 18-an: surprizverspero (gvidado: S-ro Van Dijck).

Mardon, la 21-an: Nova kurso.

Sabaton, la 25-an: parolado de S-ro Faes, pri « Rasoj kaj kutimoj en Oceanio ».

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59.

KUNVENEJO: 1) dum Aŭgusto: Kooperativa Soc. « Eendracht-Union », enirejo kontraŭ la Aŭgustana Ponto. 2) dum Septembro: Salonego « Brangweyn », ĉe S-ano V. Jéhansart, placo Simon Stevin.

Mardon, la 17-an de Aŭgusto: Legado kaj klarigado de B.E. (Prez. S-ro Ch. Poupeye.)

Mardon, la 24-an: Deklamvespero, kun kunhelpo de S-ro H. Vermuyten el Antverpeno. (Prez. S-ro H. Van Roye.)

Mardon, la 31-an: a) Proverboj; b) Triopa babilado. (Prez. S-ro K. Decoster.)

Mardon, la 7-an de Septembro: a) Dikto de kanto. (Prez. F-ino M. Vanden Berghe..) — b) Humoraĵoj. (Prez. S-ro E. Guillaume.)

Mardon, 14-an: Debato: « Urba aŭ kampara vivo ». (Prez. S-ro H. Van Roye.)

Mardon, la 21-an: a) Priparolado pri « Turismo » de S-ro A. Van Eenoo. (Prez. S-ino Y. Vrielynck.) — b) Portretoj laŭ angla maniero. (Prez. F-ino A. Boereboom.)

Mardon, la 28-an: Lastaj aranĝoj por festo kaj kurso. (Prez. F-ino Y. Thooris.)

Dimanĉon, 3-an de Oktobro: 35-jara Jubileo de la grupo (vidu alvokon aliloke).

Vendredon, la 8-an, en la Sidejo: Malfermo de nova kurso por komencantoj. Enskribiĝoj estas akceptataj de nun... do tuj propagandu!

N.B. — La grupa BIBLIOTEKO estas malfermata ĉiumarde, de la 19.30-a ĝis la 20-a, en la grupa Sidejo. Bibliotekistoj: S-ro Karel Decoster kaj F-ino M. Vanden Berghe. Tie ankaŭ samtempe: vendado kaj mendado de esperantaĵoj: libroj, steloj, poŝtkartoj, skribpapero, ktp.

HELPA VENDEJO de esperantaĵoj estas malfermata ĉe F-ino M. Huyghe, Pottereirei, 1, Quai de la Poterie (Helpa Poŝtoficejo).

BRUSELO. — « **Esperantista Brusela Grupo** ». — Kunvenejo : « Hotelo Albert I », Placo Rogier, 10, ĉiulunde je la 20.30-a horo.

Lundon la 16-an: je la 7-a gimnastiko. F-ino Kestens raportas pri la ekskurso al Nivelle.

Lundon, la 23-an: dancleciono, kaj parolado pri gimnastiko de S-ino Fr. Jacobsohn.

Lundon la 30-an: gimnastiko kaj poste intima vespero.

## GRUPAJ RAPORTOJ.

**BRUĜO. — « Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo ».** — Dimanĉon 20-an de Junio, kelkaj grupanoj ŝipekskursis al Oostkerke-Sifono, de kie ili promenadis al Damme, kies vidindaĵojn ili vizitis kaj post agrabla manĝeto kaj dancado ili kune kaj gaje reiris Bruĝon.

La 22-an, S-ro Grenkamp, (kiel jam menciita en la Julia numero) faris paroladon kun lumbildoj en Salonego De Buck. Tiu vespero estis organizita en kunlaboro kun « Kolonia kaj Mara Societo » el Bruĝo.

La 29-an, la grupanoj kunvenis, post vespera promenado, en Sankta Kruco ĉe somerkafejo « Moeder Kramiek »; malgraŭ la ne tre favora vetero ili pasigis tie agrablan vesperon.

La 4-an de Julio, je la 11-a, la grupo partoprenis kun la flago en la sekvantaro okaze de la Kolonia Tago. Posttagmeze ĝi akceptis karavanon de gesamideanoj el Dunkerque gvidataj de F-ino Couget kaj de S-ro Houzé, kaj kiuj vizitis la urbon.

La 6-an, en « Eendracht-Union », S-ro Poupeye gvidis, dum la komenco de la kunveno, la legadon de B.E. kaj donis la necesajn klarigojn. Poste S-ro H. Moy Thomas agrabiligis la finiĝon de la vespero per kelkaj numeroj el sia gaja kantrepertuaro.

La 13-an, ĉiam en « E.U.B. », post kelkaj komunikaĵoj faritaj de la prezidantino, la ĉeestantoj portretludis kaj agrable interbabilis... nur en Esperanto kompreneble.

La 18-an (dimanĉon), kelkaj junaj gemembroj bicikle ekskursis al Kadzand.

La 20-an, S-ro A. Van Eenoo detale raportis pri tiu ekskurso. Poste kelkaj aranĝoj estis prenataj por la jubilea festo.

La 25-an, okazis agrabla ekskurso al Bellem. Tre duba vetero igis, ke nur malmultaj ĉeestis, sed tamen ili bonege amuziĝis, kiel aperis el la raporto farita de S-ro A. Van Eenoo, je la fino de la kunveno de la 27-a, dum la plej granda parto de tiu vespero estis dediĉata al solvado de lingvaj konkursoj, lerte kunmetitaj kaj gvidataj de S-ro H. Van Roye, sekretario.

**BRUSELO. — «Brusela Grupo Esperantista».** — Lundo 14-an de Junio, je la 7a, en unu salono, okazis la dancleciono, donita de S-ro Gordin; S-ro Vanderhecht en alia salono, faris perfektigan Cseh-kurson al la gelernintoj de S-ro Buenthing.

Unu el la ĉeestantoj raportis pri la ekskurso al Gaesbeek kaj pri la vespera kunveno en la « Sako », dum kiu S-ro Roland Dupuis, Csehinstruisto el Rouen, parolis pri sia Esperantistiĝo kaj poste montris lumbildojn pri Normandio.

Post tio, S-ro Gordin antaŭmetis proponon pri fondiĝo de diversaj sekcioj en la grupo.

Fine, oni kantis, sub gvidado de S-ino E. Staes, F-ino Pierre akompanis fortepiane.

S-ro Kempeneers parolis pri la vojaĝo al la Universala Kongreso en Varsovio.

Lundo la 21-an de Junio. — Sub la prezidanteco de F-ino Jennen okazis tre interesa kunveno en la « Baudouin »-salono.

La kunveno estis honorata je la ĉeesto de Sia Moŝto S-ro T. Jackowski, plenpova ministro de Polujo en Bruselo.

Antaŭ kaj post la parolado nia ĉarma membro F-ino Pierre ludis artplene diversajn muzikaĵojn de Chopin kaj Paderewski. Ŝi estis gratulata de Sia ministra Moŝto kaj de la Prezidantino. S-ro Grenkamp, kasisto de la « Federacio de la polaj ĵurnalistoj en Francujo » parolis pri Polujo, la lando de la venonta kongreso, lando de la koloroj kaj sentoj. S-ro Grenkamp estas eminenta paroladisto kaj pro la klareco ĉiuj ĉeestantoj ĝuis la interesan paroladon. Poste, kun la kunhelpo de S-ro Mathieux, li aldonis lumbildoj, kaj S-ro D-ro Kempeneers tradukis la klarigojn.

Lundo la 30-an de Junio. — Parolata ĵurnalo sub gvidado de S-ino Plyson.

Kunlaboris: 1) S-ino Staes, kiu parolis pri la diversaj sekcioj; 2) Humora raporto pri la pola vespero; 3) F-ino Obozinski pri infanoj vortoj; 4) F-ino Kerckhof pri filatelio; 5) S-ro Myserinck pri katoj; kaj, 6) S-ro Gorolin finis per humoraĵoj.

Poste oni kantis akompanita fortepiane de S-ro Vanderstempel.

Lundo la 5-a de Julio 1937. — S-ro Swinne donis paroladon pri la « Mona valutfalo ».

S-ro Moy Thomas, angla esperantisto, kantis diversajn muzikaĵojn el kiuj unu li verkis li mem, li akompanis sin kun sia gitaro.

Oni kantis kaj F-ino Pierre ludis fortepianon

**GENTO. — Genta Grupo Esperantista.** — La 26-an de Majo, la Komitato kunvenis en la nova kunvenejo « Melomanes », Savaenstraat, Gent.

S-ro Deman raportis pri la stato de la kaso, montrante ke la balanco ekvilibriĝas. S-ro Vande Velde, prezidanto, petis la librarestron S-ron A. Lödör, aranĝi sin por ke la libroservo povu ekfunkcii kiel eble plej frue en nia nova kunvenejo — kaj poste li petis plue la anojn provi formi teatran fakon.

Fine oni kunigis la programon por la merkredaj kursoj.

La 14-an de Junio, ĝenerala kunsido sub la prezideco de S-ro Vande Velde. Sekve al la peto de S-ro Edm. Lödör anstataŭigi lin, la komitato konsistas nun el la jenaj grupanoj:

S-ro Vande Velde, prezidanto; S-ino Derycke, vicprezidantino kaj festestrino; F-ino Nachtergaele, vicprezidantino; S-ro Deman, spezestro; S-ino Gruslet, helpspezestrino; S-ro Arpat Lödör, librarestro; S-ro Derese, Sekretario kaj helplibrarestro.

Tuj post la kunsido, ni havis la plezuron aŭdi belan paroladon de S-ino Derycke pri « Nordo de Francujo ».

La 12-an de Julio okazis libertempa kunsido en « Melomanes ». S-ro Vande Velde gvidis kurson por la novlernintoj. Poste S-ro Edm. Lödör faris paroladon kun lumbildoj pri Budapest; kaj fine F-ino Vanden Nesse deklamis kun arte taŭga tono, tre belajn poemojn, kaj je la demando de la prezidanto, ŝi promesis formi teatran fakon.

**LOVENO. — « Lovena Grupo ».** — Kiel jam anoncite, la Esperanto-vivo restariĝis en Loveno. La 28-an de Majo okazis la stariga kunsido. Se je la komenco la fervoruloj estis nur triope, baldaŭ ili plialtiĝis ĝis 10.

Ĉiun merkredon sekvis kunvenoj, dum kiuj

oni priparolis la organizon de la societo kaj la akiron de novaj membroj.

La plej bona rimedo estis kompreneble la organizo de kurso, kiu baldaŭ malfermiĝis kaj por kiu enskribiĝis 15 lernantoj.

La lovenaj gazetoj regule presis artikolojn pri Esperanto kaj rilate al tio ni multe dankas al la estro de la « Journal des Petites Afiches ».

Pere de la delegito de IEL en Loveno, la estraro de la urba gazetlegsalono, konsentis aboni al « Heroldo de Esperanto », kiu tiel kuŝas nun ĉiusemajne je la dispono de la legemuloj, kaj estas samtempe daŭra propagandilo por nia afero.

La Lovena estraro estas gratulinda pro tiu larĝa komprenemo.

Tiuj, kiuj deziras rilati kun la Lovena Grupo, anonci vizitojn, kiujn multe ŝatus tiu nova grupo, ktp. povas sin turni al la sekretario S-ro Maurice Wauters, Diest-a strato, 184, Loveno.

## Familia Kroniko

**GRATULOJ:**

— Al S-ro Leŭtenanto Florentin LANGOUCKE, membro de la Bruĝa Grupo, kiu edziĝis la 19-6 al F-ino Jeanne Hoerée.

— Al S-ro Leŭtenanto Willy MARLE, kaj al F-ino Irène VAN VAERENBERGH, gemembroj de la Bruĝa Grupo, kiuj fondis novan esperantistan familion, geedziĝante la 3-7.

— Al Ges-roj DEBAENE-WEISSENBORN, el Nieuwpoort, pro naskiĝo de ĝemeloj: Yvonne kaj Julienne (21-6).

**KONDOLENCOJ:**

— Al F-inoj Cécile kaj Madeleine WILLEMS, fidelaj membrinoj de la Bruĝa Grupo, pro morto de ilia patro (1-8-1937).

# La Herbejo

**el « La Campagne enchantée », de D. J. D'Orbaix.)**

Ĉiam ĝi estas kuŝanta
Mallaborema, ĝi dormas, luligita de horizontala songô
La vento kombas ĝian hararon
La ĉevaloj kaj la bovinoj venas tondi ĝin
Poste ĝiaj haroj rekreskas
Sen ke ĝi tion scias, ĉar ĝi dormas.
Silentu! la ĉevaloj, marŝu trankvile!
Silentu! la bovinoj, paŝtu senbrue!
Ĝi dormas
Ĝi estas vestita per verda silento.

Ĝi estas tre maljuna, kun, en longaj ombroj, ĝiaj filingranaj arboj kaj ĝiaj regulaj arbetobarilaj rubandoj.

Aŭtune, ĝi flavruĝis kiel antikva pergameno sur kiu la bovinoj fandigas molan vakson, kie okazas ke ĉevalo, senatenta kiel sinjoro senzorge surmetas sian kavaliran sigelon.

Trad. Antoinette JENNEN.

**Esperanto en Nederlando kaj Ĉeĥoslovakujo**

# Poŝtkartoj kun Esperanto - teksto

**Oficiala rekono de nia lingvo**

Pli kaj pli nia lingvo trovas atenton ĉe oficialaj rondoj, speciale ĉe la poŝtaj kaj turismaj administracioj de diversaj landoj.

Ĵus venis en niajn manojn specimenoj de novaj poŝtkartoj kun Esperanto-teksto, eldonitaj de la poŝtaj administracioj en Nederlando kaj Ĉeĥoslovakio.

Kiu jam konas la simpatian rilaton de la nederlanda PTT al Esperanto, tiun ne mirigas la informo ke ankaŭ la nederlanda poŝto, sekvante la ekzemplon de la aŭstra, brazila, hungara, Liechtenstein'a ktp., nun eldonis serion de 24 diversaj ilustritaj poŝtkartoj kun klariga teksto, krom en la nederlanda lingvo, ankaŭ en Esperanto.

prezo; do la karto mem kun la bela bildo estas senpaga. Pro tio oni povas supozi ke ĉi tiuj bildkartoj kun Esperanto-teksto estos multe uzataj en la korespondado kun eksterlando. Tiel ili propagandos samtempe por Nederlando kaj por Esperanto.

La ĉeĥoslovaka poŝto eldonis du bildkartojn kun teksto en ĉeĥa lingvo kaj Esperanto. Ambaŭ rilatas al urboj, jam bone konataj al esperantistoj: Brno, kaj Lázne Belohrad. Ili montras la valorindikon de 50 heleroj.

Nia kliŝo montras specimenojn (iom malgrandigitajn) de la cititaj poŝtkartoj (adresflanko), nome unu nederlandan kaj unu ĉeĥoslovakan.


**La Aleo de D-ro Zamenhof en Lázne Belohrad.**

Ĉi tiu bildo troviĝas sur oficiala poŝtkarto de la ĉeĥoslovaka poŝto, kun klariga teksto en la lingvoj ĉeĥa kaj Esperanto.



S-ro ĝen. direktoro Damme ankaŭ menciis la planon, okaze de nova presado de la internaciaj respond-kuponoj presi la tekston ankaŭ en Esperanto. Se tiu ideo efektiviĝus, ĝi certe signifus tre gravan propagandon por nia lingvo.

La oficialaj nederlandaj bildkartoj ĵus eldonitaj grave diferencas de tiuj konataj en aliaj landoj. Ili estas veraj ilustritaj poŝtkartoj, t.e. la ilustraĵo ampleksas la tutan lokon de la dorsa flanko. Tial la klariga teksto en nederlanda lingvo kaj Esperanto aperas izolite de la bildo, sur la maldekstra parto de la adresa flanko. La surpresita poŝtmarko montras valoron de 7 ½ cendoj, t.e. la afranko de eksterlanda poŝtkarto. La poŝto vendas la kartojn por la sama kosto de la afranko, sen plialtigo de la

Esperanto progresas. Ne subite, ne salte. Sed paŝon post paŝo. Kaj do des pli certe!

Ĝuste la oficialaj sukcesoj estas gravaj. Ili valoras pli ol universala kongreso. Se ni nur scios lerte eluzi la faktojn por nia propagando.

Ĉu estas permesite ankoraŭ moki pri ni, esperantistoj? Oni mokus samtempe la poŝtajn administraciojn de Aŭstrio, Brazilo, Ĉeĥoslovakio, Hungarujo, Nederlando, Sovet-Unio, — oni mokus samtempe eminentajn oficialajn instancojn kaj ministrojn en Francujo, Italujo, Katalunujo, Litovujo, Polujo...

Esperanto pli kaj pli fariĝas serioza afero, kiun oni sekve devas ankaŭ serioze trakti.

**Aliĝu tuj por nia 26a en CHARLEROI**

**ESTRARO DE „BELGA LIGO ESPERANTISTA"**

**Prezidanto:** D-ro Paul Kempeneers 19, Avenue Montjoie, Uccle. (Tel.: 44.53.00.)
**Vicprezidantino:** F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat — Rue de l'Outre, Bruĝo. (Tel.: 320.86.)
**Vicprezidanto:** S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno). (Tel.: 777.58.)
**Sekretarioj:** S-ro Ch. Poupeye, 42, Elf Julistraat, Bruĝo.
S-ro R Dechesne, 38, Rue de la Meuse, Sclessin.
S-ro Swinne, 77, Rue Nieuwenhove, Uccle.
**Kasisto:** S-ro André Tassin, 1, rue St Joseph, La Louvière.

**Por pagoj de kotizoj, nancoj, abonoj kaj donacoj:**
P.Ĉ.K. 1337 67 de Belga Ligo Esperantista (La Louvière).
**Por pagoj al I. E. L.:**
provizore al la speciala P.Ĉ.K. 4109.91 de S-ro G. Van den Bossche, teritoria sekretario.
**Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto:**
P.Ĉ.K. 1698 58, Antverpeno (Willemsstr. 21)



Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.